




Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r.a.
Organ des Esperanto-Verein Hamburg e.V.

4/2008
Junio / Julio

# Eŭropa Merkato 2008 en Hamburg




de maldesktre: Jürgen Wulff, Hannelore Brunow, Jutta Sültz, Ralph Glomp

Kiel en la lastaj jaroj la landa ligo Hamburg de GEA denove partoprenis per Esperanto-stando dum la Eŭropa Merkato en Hamburg la 26an de Aprilo 2008. La landa ligo estas akceptita oficiale kiel parto de la Eŭropa movado en la urbo. Dum bela suna tago dum 10 horoj ĉirkau 10 personoj dum kelka tempo deĵoris ĉe la stando kaj informis pri Esperanto. La celo varbi sufiĉe da personoj por provleciono dum la venonta dimanĉo oni bedaŭrinde ne atingis. Sed almenaŭ la etoso estis sufiĉe bona kiel oni vidas sur la foto.

# EL LA REDAKCIO

## Karaj legantoj,

jen la informilo rekte post Germana Esperanto-Kongreso en Essen kie bedaŭrinde nur 5 membroj de nia klubo partoprenis. Tiu-ĉi informilo havas iom novan aspekton ĉar la plejmulton de la informiloj ni dissendas elektronike. Do se ankaŭ vi volas ricevi la informilon pere de retpoŝto, skribu al la redakcio.
Redakcio kaj estraro deziras al vi belan someran tempon!

*Jürgen Wulff*

| | |
|---|---|
| Redaktofino de n-ro 5/2008<br>15.07.2008 | Sentenco<br>Plimultoj konservas la ekzistantan, progreso eblas nur per minoritatoj.<br>*Bertrand Russell, angla filozofo, 1872 - 1970* |


**ESPERANTO HAMBURG**

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r.a., Klaus-Groth-Straße 95,
DE- 20535 Hamburg, Tel. 040 / 250 30 65
Konto: GLS Gemeinschaftsbank eG, BLZ 430 609 47,
Konto-n-ro 200 67 16 500

**Prezidantino:**
Kerstin Baasch, Scharpenmoor 74 e, 22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro de tiu-ĉi numero de la informilo:**
Jürgen Wulff, Wandsbeker Chaussee 185 b, 22089 Hamburg
Tel. 040 / 68 91 58 91, wulff@esperanto-hamburg.de

**Interrete** de Frank Merla:
www.esperanto-hamburg.de, merla@esperanto-hamburg.de

# Kontrakto kun makleristo subskribita

Kiel vi povis legi en la lasta informilo la jarĉefkunveno de HES decidis vendi la klubejon. Intertempe maklera firmao estis selektita. Unue ni mem provis per anonco allogi kaj interesulojn kaj makleristojn. Sed neniu reagis al la anonco. Do ni decidis doni la vendon de la domo en profesiajn manojn. La direktoro de la tradicia firmao Gladigau el Hamburg kune kun kolego inspektis la domon kaj provos vendi por ni la klubejon. Laŭ la opinio de la makleristo eble ne estos tro facile trovi aĉetanton pro la speciala situacio de la domo. Do povas esti ke daŭros unu jaron ĝis la vendo aŭ ke ni eĉ tute ne trovos aĉetanton.




# D-ro Werner Bormann honorita

En Augsburg okazis la 100-jara jubileo de la tiea Esperanto-grupo kaj de Germana-Esperanto-Instituto. Nia membro d-ro Werner Bormann tie estis aljuĝita la honora membreco. Ni elkore gratulas kaj ĝojas ke Werner parolos pri la jubileo la 5an de Junio 2008 en nia klubejo.

# Ĉe-Ellen-Ir-Tago 2008

Estas longa tradicio rekontiĝi posttagmeze dum ĉieliratago en la klubejo post kiam ni vizitis la Esperanto-arbon. La tago ĉe ni nomiĝas ĉe-Ellen-ir-tago ĉar nia membro Ellen Eggers († 1989) antaŭ la aĉeto de nia klubejo ĉiam invitis dum tiu tago al sia domo. Al Ellen Eggers ni ŝuldas multe ĉar ŝi heredis al ni la sumon de 40.000 germanaj markoj kiun ni povis uzi por finpagi la krediton por la klubejo. Dum la ĉi-jara posttagmezo en la klubejo Elsbeth Wielgus kaj Benno Klehr raportis pri la vivo de Ellen. Dankon al Hannelore Brunow kiu prizorgis kafon kaj kukon kaj al Ralph Glomp kiu gvidis de la arbo al la klubejo.



La foto montras Rudi Haberland kaj Rainer Haupt antaŭ la Esperanto-arbo.

# NIA PROGRAMO DUM JUNIO 2008

| | |
|---|---|
| Dimanĉo, 1a de Junio 13 - 20 h | **Informstando en Alexanderstraße** en St. Georg dum la "Najbara festo". Atingebla per metrolinio U1 Lohmülenstraße. Kunhelpantoj por nia stando estas serĉataj. Anoncu vin ĉe glomp@esperanto-hamburg.de |
| 5a de Junio 20 h | D-ro Werner Bormann: **100-jara jubileo de la E-grupo en Augsburg kaj de la Germana Esperanto Instituto (GEI)**<br>krome: **Esperanto-Schnupperkurs**<br>en la teretaĝo de la klubejo |
| 12a de Junio 20 h | **Somera festo.** Bonvolu kunporti manĝaĵojn aŭ pagu sumon en la kluban kason. |
| 19a de Junio 20 h | Benno Klehr: **La terura enigmo**<br>Dum pli ol 20 jaroj Benno de tempo al tempo prezentas sian teruran enigmon por ke ni cerbumu kaj lernu. Ni komune solvos la enigmon dum la kluba vespero. |
| Sabato, 21a de Junio 13 - 17 h | Mariko Aoŝima:<br>**Hispanaj frandaĵoj - kuirkurso.**<br>Pliajn informojn kaj aliĝilon vi trovos en tiu-ĉi informilo. Aliĝu baldaŭ! |
| 26a de Junio 20h | Gerald Roemer kaj Mariko Aoŝima:<br>**La insulo BRAČ**<br>Tiu insulo troviĝas en Kroatio kie Gerald kaj Mariko feriis. |

# NIA PROGRAMO DUM JULIO 2008

| | |
|---|---|
| 3a de Julio 20 h | **"Mefisto"** kun Klaus-Maria Braundauer<br>Filmo en Esperanto - Parto 1 - 70 minutoj |
| 10a de Julio 20 h | **"Mefisto"** kun Klaus-Maria Braundauer<br>Filmo en Esperanto - Parto 2 - 70 minutoj |
| 17a de Julio 20 h | Sen speciala programo pro someraj ferioj<br>Ĝuu la ĝardenon aŭ helpu ordigi la domon/bibliotekon. |
| 24a de Julio 20 h | Sen speciala programo pro someraj ferioj<br>Ĝuu la ĝardenon aŭ helpu ordigi la domon/bibliotekon. |
| 31a de Julio 20 h | **Amikejo - Ort der Freundschaft**. Wie mit Esperanto Staat gemacht werden sollte. Wir hören den Radiobericht des Deutschlandfunks vom Mai 2008 - 54 Minuten. |

La klubejo estas malferma ekde 19:30 h. Gastoj ĉiam estas bonvenaj.

La klubo vivas ankaŭ per viaj kontribuoj. Tial anoncu vin se vi volas fari prelegon aŭ legi el interesa Esperanto-libro aŭ simple rakonti el via interesa Esperanto-vivo.

## Informstando la 1an de Junio 2008

La HES-estraro decidis ke la klubo partoprenu en la najbara stratfesto en Alexanderstraße organizita de Kulturladen St. Georg. Tie okazos muziko, danco, pulmerkato, tombolo kaj informoj. Ni informos pri Esperanto kaj samtempe vizitantoj havas la eblecon konatiĝi kun la grupoj el Kulturladen kaj viziti la domon. La strato estas bone atingebla pere de metrolinio U1 Lohmühlenstraße. Do anoncu vin ĉe Ralph Glomp se vi pretas kunhelpi por kelkaj horoj: glomp@esperanto-hamburg.de aŭ 040 / 68 91 53 60.

# Hejtilo ne funkciis

Dum malvarma tago en marto ni frostis en la klubejo ĉar la hejtilo ne funkciis. Feliĉe post unu horo Jürgen Wulff alportis elektran hejtilon kaj ni atingis elteneblajn 18 gradojn. La venontan tagon la muntisto venis kaj trovis la kaŭzon: malgranda elektronika komponanto estis difekta.

# Kulturladen St. Georg




Se ni sukcesos vendi la klubejon ni bezonos novan lokon por renkontiĝi. Tial Kerstin Baasch, Ralph Glomp, Jürgen Wulff, Hannerlore Brunow kaj Adelheid Semrau-Kopp vizitis Kulturladen en la apuda urboparto St. Georg. Ili ofertas salonojn al grupoj je ege favoraj prezoj. Ili havas 3 salonetojn kaj grandan dancsalonon. En la antaŭa parto estas kafejo kun teraso kie oni povas manĝi kaj malantaŭ la domo troviĝas granda ĝardeno.
Eble vi mem volas viziti la ejon, la adreso estas: Alexanderstraße 16, 20099 Hamburg (metrostacio U1 Lohmühlenstraße) aŭ rigardu al la reta paĝaro: www.kulturladen.com. De tie ankaŭ estas la foto.

# Novaj libroj en nia biblioteko

Ni recevis de la aŭtoroj novajn librojn por nia biblioteko:




**Esperanto direkt** de Stano Marček el Slovakio. Tio libro aperis en diversaj lingvoj inter alie ankau en la germana kaj en Esperanto. Ĝi estas belaspekta kaj taŭga enkonduko en Esperanto.




**Ungehemmt und direkt** de Detlev Bruit el Svislando. La agado de tiu germanlingva krimromano okazas en fiktiva lando apud Svisio. Oni parolas Esperanton kaj pagas per Steloj. Ĝi bone amuziĝas kaj la fino ne estas antaŭvidebla.

Ni elkore dankas al la aŭtoroj pro la donacoj al la kluba biblioteko!

# Hispanaj Frandaĵoj

Karaj kuiremantoj,

post unujara paŭzo mi denove ofertas novan kuirkurson. ĈI foje ni kuiros kune bongustajn hispanajn "**Tapas kaj aliajn frandaĵojn**".

Jen la necesaj detaloj:

- **Dato : sabato, la 21a de Junio 2008, 13:00 – 17:00 h**
- **Partoprenantoj : 5 ĝis 10 personoj**
- **Prezo: 10 eŭroj (inkluzive de la materialoj)**
- **Bonvole aliĝu plej malfrue ĝis la 12an de junio (ĵaŭdo)**
- **Aliĝu per aliĝilo ĉi-sube aŭ per retpoŝto al info@esperanto-hamburg.de**

Mi kore atendas vian partoprenon.

*Mariko Aoshima*



# ALIĜILO – KURSO "HISPANAJ FRANDAĴOJ"

Jes, mi volas partopreni la 21an de Junio en la kuirkurso de Mariko Aoshima. La kotizon de 10 € mi pagos surloke.

Nomo: ________________________ Telefono: ______________________

Adreso: ________________________________________________

Retpoŝta adreso: __________________________________________

Dato, subskribo: ___________________________________

# GERMANA ESPERANTO-KONGRESO ESSEN



Dum Pentekosto 2008 okazis en Essen la 85a Germana Esperanto-Kongreso. Ankaŭ kelkaj Hamburganoj estis tie kaj entute nur venis 96 personoj al la kongreso. Kongresejo estis la CVJM-domo meze en la urbo. Estis bona etoso kvankam kelkaj plendis pri la malbona organizado de la kongreso. Neniu programo dum la interkona vespero, nur mal-multe da prelegoj kaj nur unu prelego pri la kongresa temo, ofte improviziita agado. Dum mallonga jarĉefkunveno la membraro apogis la proponon de la GEA-estaro aljuĝi al Petro Zilvar la honoran membrecon pro sia sen-ĉesa laboro por Esperanto.

La venonta GEK okazos en Herzberg kune kun la Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso. Do 2009 la Esperanto-urbo Herzberg havos la ŝancon prezenti sin al granda Esperanto-publiko. Kaj la Esperanto-movado havas la ŝancon montri al la Herzberganoj ke la Esperanto-mondo estas vasta kaj bunta.

La foto supre de J. Wulff montras Peter Zilvar kaj Rudolf Fischer (GEA-prezidanto), la foto sube du trionojn de la kongrespartoprenantoj (foto de Marion Börder, Nürnberg).

